ÁRA 10,- Ft

1. Kian scenon ni vidas? Nomu la videblajn objektojn.
2. Kion faras la familio? Respondu pri ĉiu familiano.
3. Unu familiano ĉe la pikniko subite iĝas maltrankvila. Kial?
4. Kia estas la bovo? Kie ĝi staras? Kion ĝi faras? Kion ĝi vidas?
5. Kial la avo ne vidas la danĝeron? Kaj la patro?
6. Kio okazos post proksimume kvin sekundoj?
7. Kial la aĉa infano staras preta kun fotilo? Kie li staras?
8. La aĉa infano signalas al iu. Kiu? Kial? Kion faros tiu?


# Juna amiko

Apr. 88/2

N-ro 45 jaro 15a

INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO - REVUO




***Juna amiko***, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto-Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI).

**Aperas** kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

**Redaktoro** kaj grafiko: Stefan MacGill.

**Adreso** de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

**Anoncoj:** Paĝo: 50 gld. aŭ 500 ft. Duonpaĝo: 35 gld. aŭ 350 ft. Kvaronpaĝo: 20 gld. aŭ 200 ft.

**Kovrilo:** Csilla Borovszki.

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer. Ára: 10 ft.: 88/2 szám, XV évfolyam. Felelős szerk.: **Schiller Judith.** Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelős kiadó: **Princz Oszkár.** Készült a MESZ Sokszorosítóban: hearota **88-043.** Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976;

ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethető bármely hirlapkézbesitő postahivatalnál, a hirlapkézbesitőknél, a Posta hirlapüzleteiben és a Hirlap-előfizetési és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzőszámra.

Saluton! Jam per nia dua desegnita kovrilo de la jaro ni salutas vin! Ni jam povas malkaŝi, ke nia plej nova desegnistino, Csilla, jam pretigis por ni serion de kvar kovrilaj kaj mal-kovrilaj desegnaĵoj – sufiĉaj por la tuta jar-kolekto. Do, bele uzu ilin. La demandoj supre sur la malkovrilo estu nur komenco de via pri-esploro de tiuj bildoj.

Kaj jen rezulto de esploro pri niaj novaj abonantoj. Nia gazeto tre bone fartas. Fine de 1987 ni atingis nur cent legantojn en okcidentaj landoj. Por 1988 ni jam preterpasis 330 kaj ankoraŭ alvenas la abonoj. Plej rimarkindas Jugoslavio kiu de nulo jam liveris sepdek abonojn. Sekvas Britio kaj FR Germanio, ambaŭ kun pli ol 40. Sur paĝo 22 ni donas novajn informojn pri perantoj.

Pasintjare ni aperigis unu rol-ludon; venis la tempo ripeti tion. Sed ĉi-foje ni prezentas pli simplajn ludojn, kie la instrukcioj ne estas kaŝitaj tra la gazeto. Sed vi certe bone amuziĝos kun la situacioj en "Iu forgesis ion" sur paĝo sep. Ĉu eble vi forgesis verki por *Juna amiko*? Artikolojn kaj leterojn ni urĝe bezonas de lernejanoj! Se tion vi ne sukcesas, almenaŭ solvu niajn enigmojn kaj sendu respondojn!

Por multaj el vi sekvas la longaj ferioj – ĝuu ilin abunde – kelkaj el vi verŝajne partoprenos Esperantajn tendarojn – sendu al ni raporton pri tio! Restas nur deziri al vi ĝis revidon en septembro, kiam ni denove salutos vin per amuza kaj surpriza kovrila bildego. Intertempe ni lasas vin imagi, scivoli kaj konjekti pri kio povos temi tiu bildo. Ni certas, ke neniu sukcesos ĝuste diveni!

Multan imagadon, scivoladon, konjektadon kaj divenadon deziras

Stefan MacGill
3a de marto, 1988

## Por etuloj







Kiu bildo apartenas al kiu proverbo?

**A:** Li estas malriĉa kiel muso preĝeja.
**B:** Ili similas unu la alian kiel du ovoj.
**C:** Fari el muso elefanton.
**D:** La muro havas orelojn.

Maletuloj bonvolu klarigi per aliaj vortoj la signifon de la du lastaj proverboj, kaj elpensi bonajn situaciojn, en kiuj pravas la proverboj. La plej bonaj klarigoj, kiuj atingas la redakcion ĝis la 1-a de julio estos premiitaj per librodonacoj.

Rimaĵo por elekto de vico por komenci ludon:

*Inko, tinko, pike, pank',*
*koko krias sur la ŝrank'.*
*Kion krias tiu kok'?*
*Vi eliĝu post la vok'!*

Ferenc Hegedűs,
Oroszlány, Hungario.

**Objekton strangan trovis ni,**
**klopodu ni malkovri pli:**
**Laŭ mezur' sendube longa,**
**palpo-sento, klare sponga!**

**Por ekscii pri la vero,**
**ke ne restu ĝi mistero,**
**necesas turni kun kuraĝo**
**rapide al la posta paĝo!**

## La letero

Ĝi venas de mi,
ĝi iras al vi.
Ĝi ne estas hom',
ĝi ne estas pom',
ĝi estas nur er'
el granda paper'.

Papera nur pec'
kun dir-kapablec'.
Ĝi peras raporte
al vi de mi vorte:
Mi amas ja vin,
memoru do min.






desegnisto Pavel Rak

## La benko en Bebro

Sur benko en Bebro
eksidis fraŭlino,
sur benko ĵus farbita.
Ŝi post la sidfino
similis al zebro.

Verkis: Guggenmos, Josef.
Tradukis: Franz-Georg Rössler,
FR Germanio

Por esploro, kiu plej bona,
kiu sent', rezulto-dona? –
vida, aŭda, flara, gusta –
kiu estos la plej ĝusta?

Ni jam provis etan tuŝon,
Ĉu ni risku fortan puŝon?
Ni ne komprenos nian fuŝon,
Ĝis ni eniros ĝian buŝon!



# LA BIRDETO

Birdeto flugis al arbo kaj eksidis sur seka tigo. "Lulu min, seka tigo!" petis la birdeto, sed ĝin ne lulis la tigo. Al la kapro flugis la birdeto kaj petis ĝin: "Kapro, manĝu la tigon!" Sed la kapro ne manĝis la tigon, kiu ne lulis la birdeton. La birdeto flugis al lupo kaj petis ĝin: "Lupo, manĝu la kapron!"

Sed nek la lupo manĝis la kapron, nek la kapro manĝis la sekan tigon, kiu rifuzis luli la birdeton. Do, la birdeto flugis al la plej proksima vilaĝo kaj diris al la vilaĝanoj: "Vilaĝanoj, pelu for la lupon!"

Sed la vilaĝanoj rifuzis forpeli la lupon, kiu rifuzis manĝi la kapron, kiu rifuzis manĝi la sekan tigon. Do la birdeto flugis, ĝis ĝi vidis fajron. Ĝi petis: "Fajro, bruligu la vilaĝon!"

Sed la fajro ne bruligis la vilaĝon, la vilaĝanoj ne pelis la lupon for, la lupo ne manĝis la kapron, la kapro ne manĝis la tigon, kiu ne lulis la birdeton. Plu malkontenta, la birdeto serĉis akvon. Ĝi baldaŭ trovis akvon kaj petis ĝin: "Akvo, estingu la fajron!"

Sed la akvo rifuzis estingi la fajron. Tial la vilaĝo ne bruliĝis, la lupo ne forpeliĝis, nek la kapro nek la tigo manĝiĝis, kaj la birdeto ne luliĝis. La malkontenta birdo vidis taŭron. Ĝi petis: "Taŭro, trinku la akvon!"

Sed la taŭro ne trinkis la akvon, la akvo ne estingis la fajron, la fajro ne bruligis la vilaĝon, la vilaĝanoj ne forpelis la vulpon, la lupo ne manĝis la kapron, la kapro ne manĝis la sekan tigon, kiu rifuzis luli la birdeton. La tre malkontenta birdeto trovis bastonon kaj petis ĝin: "Bastonego, batu la taŭron!"

Sed la taŭron ne batis bastono, ne trinkis akvon la taŭro, fajron ne estingis akvo, vilaĝon ne bruligis fajro. La vilaĝanoj ignoris la vulpon, kiu ne ĉasis la kapron, kiu ne manĝis la tigon, kiu rifuzis luli la birdeton. La treege malkontenta birdeto trovis vermon. Anstataŭ formanĝi ĝin tuj, ĝi petis: "Vermo, manĝu la bastonon, alie mi manĝos vin!"

Sed la vermo – iom malinteligente – rifuzis manĝi la bastoneton,
kiu ne batis la taŭron,
kiu ne trinkis la akvon,
kiu ne estingis la fajron,
kiu ne bruligis la vilaĝon,
kies anoj ne forpelis la lupon,
kiu ne manĝis la kapron,
kiu ne manĝis la sekan tigon,
kiu rifuzis luli la birdeton.



Do, la treege ekstreme malkontenta birdeto atakis la vermeton kaj klopodis manĝi ĝin. La vermo eskapis kaj ekmanĝis la bastoneton, kiu ekbatis la taŭron, kiu ektrinkis la akvon, kiu ekestingis la fajron, kiu ekbruligis la vilaĝon, kies anoj ekpelis la lupon, kiu ekĉasis la kapron, kiu ekmanĝis la sekan tigeton, kiu tuj ekmalrifuzis luli la birdeton.

Ĉu vi ne kredas? Nu, serĉu iun ajn birdeton, kiun lulas seka tigeto, kaj petu ĝin rakonti!

**Pretigita laŭ traduko de**
**Sándor Termes, Hungario.**

INSTRUPUNKTOJ

nek ... nek ...
manĝu, pelu, trinku... (imperativo)
peli for = forpeli
kontrasto inter "ĉasi" kaj "peli"
rifuzis manĝi, rifuzis forpeli,
manĝ-iĝ-is, brul-iĝ-is, esting-iĝ-is,...
ĝi trinkis akvon = akvon trinkis ĝi
ekĉasis, ekpelis, ekbatis,...

VORTOJ

tigo: maldika branĉeto.
luli: svingi ritme (oni lulas bebon).
ĉasi: postkuri por kapti.
peli: postkuri por forigi.
taŭro: virbovo.
bastono: longa ligno-peco
rifuzi: malakcepti; diri ne!
ekstreme: treege!

## Somera amikino

Somera tago varma,
lazuras la ĉiel.
Sur maro blankas ondoj,
sur maro blankas vel'.
Laŭ strato blanka venas
somera amikin'.
Akceptas sopirantaj
infan-rigardoj ŝin:
"Venu, prenu:
Glaciaĵon!"
En ŝia kesto lada
troviĝas ĉokolada,
el freŝaj produktoj,
kremo kaj fruktoj...
Kontento!
Bonsento!





## Alumetoj

Alumetoj, alumetoj!
Ilin tiras jam fingretoj –
F-r-r! Fajreto! Jen, fajreto!
Brul-vundiĝis jen fingreto.
Larmoj, krioj – kia bruo!
Kaj – en nova jako – truo!
Vi atentu, infanetoj,
**NE** ludiloj – alumetoj!

Elvira Lippe,
Lativo, Sovet-unio.

# iu forgesis ion

Jen diversaj situacioj, kiujn vi povas aktori! Ili estas tre mallongaj rol-ludoj. En ĉiu sceneto iu forgesis ion. Dua persono devas memorigi la unuan. Eble la ludo tuj finiĝos, aŭ eble vi sukcesos pli longe aktori kaj tiel vi kreos propran teatraĵeton. Provu! Unue ni donas ekzemplon:

**1. Ombrelo:** Virino forlasas trajnon kaj forgesas kunporti sian ombrelon.




**Knabo:** Pardonu, sinjorino, ĉu tio estas via ombrelo sur la seĝo?

**Virino:** Ho, jes, koran dankon! Mi preskaŭ forgesis ĝin! Mi estas tre forgesema.

**Knabo:** Kaj rigardu! Ekpluvas!

**Virino:** Do, duoble mi estas bonŝanca. Mi jam devas uzi mian ombrelon. Estas malfacile malfermi ĝin.

**Knabo:** Ĉu mi povas helpi vin?

**Virino:** Dankon, sed ne necesas. Mi demetos mian sakon dum momento kaj per du manoj mi provos. Jen vidu, mi sukcesis! Nu, koran dankon, vi estas tre helpema kaj bonkora junulo. Sen vi mi estus jam malseka. Ĝis revido!

**Knabo:** Ĝis revido, kaj ĉion bonan... *(paŭzo)* ... Sinjorino! Sinjorino! Vi forgesis vian sakon! Revenu! Revenu! *(li kuras post ŝi)*

**2. La ĉeko:** Vi estas oficisto en banko. Grava kliento monigas ĉekon, sed li forgesas skribi sian nomon, adreson kaj bankan numeron dorse. Memorigu lin kaj pruntu al li plumon. Admonu lin, kiam li forgesas redoni ĝin.

**3. La futbalo:** Vi iras ludi futbalon kun viaj amikoj. Via amiko memorigas vin, ke last-foje vi promesis kunporti vian futbalon de hejme. Sed vi ne memoras promesi tion. Vi memoras, ke ĝuste via amiko promesis kunporti pilkon. Neniu kunportis futbalon. Kion fari?

**4. La ŝu-eraro:** Vi aĉetas ŝu-paron en butiko. Vi provas ilin kaj konsentas aĉeti ilin. La butikistino prenas alian skatolon de la breto kaj donas ĝin al vi. Vi pagas kaj iras hejmen. Tie vi ĝoje malfermas la skatolon, sed ene vi trovas nur unu ŝuon! La maldekstran. La dekstra mankas. En la fabriko ili forgesis aldoni ĝin. Reiru al la butiko kaj plendu ĉe la butikistino.

**5. La bus-ŝoforo:** Vi estas internacia bus-ŝoforo. Unutage, unu el viaj kolegoj malsaniĝas subite, kaj vi devas ŝofori lian buson al fora granda urbo, kiun vi ne tre bone konas kaj en lando, kie vi ne komprenas la lokan lingvon. Vi atingas la urbon, sed vi forgesas kie troviĝas la centra bus-haltejo. La pasaĝeroj provas helpi vin, sed ili havas malsamajn opiniojn. Vi provas demandi policiston, sed li ne parolas vian lingvon kaj nur unu pasaĝero iomete komprenas kion li diras.

(Ĉi tiu situacio baziĝas sur vera sperto en Londono! La verkinto defias vin krei pli katastrofan kaj konfuzan scenon, ol tio, kio vere okazis!)

**6. La hejmtasko:** Vi forgesis fini vian hejmtaskon por la lernejo – en la antaŭa vespero vi ludis futbalon (eble sen pilko!) Nun la instruisto demandas vin, kie troviĝas via hejmtasko. Ankaŭ pasint-semajne vi malfrue finis vian hejmtaskon. Post unu monato okazos gravaj ekzamenoj.



Desegnis P. Rak

**7. La bank-rabisto:** Vi eniras bankon por rabi ĝin. Vi havas maskon sur via kapo kaj vi portas sakon en via dekstra mano. Tio estas por la mono. En la alia mano vi tenas saketon. Tio kaŝas lud-pafilon, per kiu vi intencas minaci la bankiston. Sed vi forgesis kontroli la enhavon de tiu sako. Vi lasis hejme la sakon kun la pafilo kaj erare prenis la lunĉ-sakon de via filo.

Vi kuras al la banka giĉeto, kie atendas kelkaj klientoj (interalie unu, kiu forgesis subskribi ĉekon). Vi anoncas laŭte, ke vi estas rabisto kaj eltiras dramece el via saketo... bananon! Kio okazos?

smg

PRI LA LERNEJAJ KOOPERATIVOJ:

# Praktike ni lernas

"Ni multe pensadis pri tio, kiel eblus solvi, ke la lernantoj ne devu veturi al la urbo por kajeroj, ktp. La veturo kostis pli ol la kajero! Plue, la survoja trafiko intertempe pligrandiĝis, ni timis la danĝerojn. Post iom da hezito evidentiĝis, ke niajn zorgojn solvos nur la lerneja kooperativo." Jen la vortoj de instruisto el la hungara vilaĝo Csabd. Kio do, estas kooperativo?

Ĝi estas organiza formo, per kiu oni fabrikas iun produkton aŭ plenumas iun servon. Kooperativo havas membrojn, la plimulto el kiuj estas la laborantoj mem. Laŭ iu demokrata strukturo, la membroj mem estras la kooperativon kaj decidas pri ĝia funkciado, evoluo kaj buĝeto. Multaj fabrikoj, bienoj kaj vendo-kompanioj en Hungario estas kooperativaj.

Jam en 1876 oni fondis la unuan lernejan kooperativon ĉi tie. Nuntempe funkcias 700 lernejaj kooperativoj kun sume 68,000 membroj. Ili ne nur okupiĝas pri la akiro kaj disvendo de skribiloj kaj kajeroj. Kelkaj agrikulturaj kooperativoj kultivas legomojn, florojn kaj plantojn, aliaj bredas kuniklojn aŭ kolombojn, aŭ prizorgas abelojn. Kelkaj fabrikas varojn: ludilojn, ornamaĵojn aŭ presaĵojn. Sed la plimulto funkciigas bufedojn en la lernejoj. Tio estas aparte utila en izolitaj vilaĝaj lernejoj. La praktikaj avantaĝoj estas, ke infanoj povas ricevi manĝetaĵon kaj trinkaĵon inter lecionoj, kaj ke la vendado donas etan profiton, kiun la membroj povas uzi por organizi ekskurson aŭ aĉeti iun specialan sportilon. Pli gravaj estas la edukaj avantaĝoj. La junuloj lernas per la praktiko. En la kazo de bufedo, ili devas kolekti mendojn kaj peri ilin al liverantoj, zorgi pri la transportado kaj pri higienaj vendo-kondiĉoj. Ili devas scii kiel trakti aĉetantojn, kalkuli korekte, doni ŝanĝmonon kaj labori efike. Fine de la tago ili devas ordigi la vendejon kaj fari financan fin-kalkulon. Ili devas kune decidi pri la disdivido de la taskoj kaj de la profitoj. "Nia kooperativo estas preskaŭ neanstataŭigebla en la lerneja eduka laboro," komentis gimnazia instruistino: "ĉar ĝi donas vastan terenon por la aktivado de la infanoj. Ĝi edukas ilin por preciza, ordema, respondeca laboro." La kresko de la kooperativoj en lernejoj ne ĉiam iris glate. Multaj timis doni al lernantoj la rajton je mem-regado. La lerneja sistemo tradicie favoris teorian lernadon super praktikan, kaj nur malrapide la opinioj ŝanĝiĝis, ĉefe dum la sesdekaj jaroj. La lernejaj kooperativoj havas proksimajn rilatojn kun la plenkreska kooperativa movado, sed ĝuas aŭtonomion. Ili organizas membro-kunvenojn kaj funkcias per administraj komitatoj kaj kontrolaj komisionoj. Jam de multaj jaroj la esperantistoj estas aktivaj en la kooperativa movado, kiu estas ankaŭ internacia kaj bezonas kunlabori trans kulturaj, politikaj, sociaj kaj lingvaj baroj. Multaj kooperativanoj en lernejoj jam malkovris la praktikan utilon de Esperanto por

starigi kontaktojn kun lernejanoj kaj junaj kooperativanoj en diversaj landoj. Jam tridek kooperativaj grupoj tra Hungario aktive uzas Esperanton. La fakto, ke ni ekde ĉi tiu jaro liveras 250 ekzemplerojn de nia *Juna amiko* al tiuj grupoj montras ilian aktivecon.

En la pasinta jaro dum la Universala Kongreso en Varsovio la esperantistaj kooperativanoj el multaj landoj starigis novan fakan organizon: IKEO, kiu eldonas gazeton *Kooperativa stelo*. Certe ankaŭ la lernejaj kooperativanoj povos profiti de ĉi tiu nova internacia kunlaboro.

---

# FINFINE, ŜERCOJ!

## Mallonga vojaĝo

Oni demandis taksiŝoforon: Kiam okazis via plej mallonga veturigo? Li respondis: "Foje estis granda kaj torenta pluvo. Sinjorino eniris la taksion, pagis, kaj eliris tra la alia pordo. Ŝi ne volis transsalti kot-akvon en la defluejo."

Josef Chvosta, Podebrady, Ĉeĥoslovakio

## Valiza peto

Virino paŝas al la akcepta giĉeto en flughaveno, portante du pezajn valizojn. Ŝi metas ilin sur la pesilon.

"Uff!" diras la pesilo malkontente.

"Silentu, vi" diras la oficisto al la pesilo, kaj al la virino: "Bonan matenon, sinjorino. Kien vi flugos?"

"Al Majorko."

"Bonvolu montri vian bileton." Ŝi montras ĝin. "Jes, bone, flugo HM 261 al Majorko – kun du valizoj."

"Valizegoj!" plende interrompis la pesilo.

"Jes," diras la virino, montrante la du valizojn sinsekve: "Bonvolu sendi tiun valizon al Parizo kaj tiun al Madrido!"

"Sed, sinjorino, vi mem flugas al Majorko – tio ne eblas!"

"Kial ne? Vi tion faris pasintsemajne, kaj mi eĉ ne devis peti!"

smg

## La plej plaĉa

"Joĉjo, vi estis en la bestoĝardeno – kiu besto tie al vi plej plaĉis?"

"La lupo, certe!"

"La lupo? Kial la lupo plej plaĉis al vi?"

"Apud ĝia kaĝo oni vendis glaciaĵojn!"

Johannes Palu

## Pianluda logiko

"Joĉjo, ne ludu la pianon kun malpuraj manoj!"

"Sed Panjo, ne gravas. Mi ludas nur per la nigraj klavoj!"

Johannes Palu, Tallinn, Estonio.

## La profesoroj

Tra la vilaĝo promenas du profesoroj, la unua juna kaj la alia maljuna.

Tiu maljuna malbone vidas. Bovino promenas antaŭ ilin. La maljuna pro-




fesoro puŝiĝas kontraŭ ĝi kaj pardonpetas: "Pardonu, fraŭlino!"

La juna profesoro admonas: "Sed kolego, tio ne estas fraŭlino, tio estas bovino!"

Ambaŭ iras pluen kaj renkontas junan fraŭlinon. La maljuna profesoro denove ne bone vidas kaj puŝiĝas kontraŭ ŝi kaj ekkrias: "For de mia vojo, vi bestaĉo!"

Josef Kozisek, Jihlava, Ĉeĥoslovakio

## Infana logiko

"Minestroĉjo, tuj manĝu vian supon! Multaj infanoj estus feliĉaj, se ili ricevus eĉ nur la duonon de tiu kvanto."

"Ankaŭ mi!"

"Steĉjo, kio okazis hodiaŭ en la lernejo?"

"Dum kemi-leciono ni lernis pri eksplodaĵoj."

"Kaj kio okazos morgaŭ en la lernejo?"

"En kiu lernejo?"

* * *

Monika paŝas al la kaso de la infan-teatro: "Mi petas bileton por la hodiaŭa prezentado!"

"Sed, knabineto, vi jam aĉetis ses biletojn!"

"Vere, sed ĉe la pordo staras onjo, kiu ĉiam disŝiras mian bileton, kiam mi volas eniri!"

* * *

"Nu, kiel plaĉas al vi la lernejo?" demandas Panjo al la filineto post la unua lerno-tago.

"La tuto estas maljusta!" diras la filineto: "Ni solvas la taskojn kaj respondas la demandojn, sed la instruistino ricevas la salajron!"

Tradukis Jozefo Németh, Pápa, Hungario.

VORTOJ PRI KOOPERATIVOJ
hezito: dubado.
buĝeto: financa plano.
higiena: pura kaj ne malsaniga.
trakti: rilati kun; prizorgi.
aŭtonomia: memstara, kun decidrajto.

VORTOJ EN LA ŜERCOJ
admoni: atentigi, averti.
sinsekve: unu post la alia.
klavo: premilo sur piano aŭ skribmaŝino.
kemio: la scienco pri substancoj kaj la reagoj inter ili.
ŝiri: apartigi permane.
onjo: kara virino.

# MALKOVRAĴOJ BESTAJ




Prenu kartonstrion larĝan je 2 centimetroj kaj kovru unu vertikalan kolumnon. Diru la frazojn unu post unu kaj post ĉiu eldiro mallevu la strion je unu linio por kontroli ĉu vi bone diris la kaŝitan vorton.

| KOVRO 1. | | KOVRO 2. | |
|---|---|---|---|
| *Elefanto* | *estas* | *granda* | *besto.* |
| *Ĝirafo* | *estas* | *alta* | *besto.* |
| *Muso* | *estas* | *malgranda* | *besto.* |
| *Serpento* | *estas* | *longa* | *besto.* |
| *Kuniklo* | *estas* | *rapida* | *besto.* |
| *Hipopotamo* | *estas* | *dika* | *besto.* |
| *Monstro* | *estas* | *sovaĝa* | *besto.* |
| *Fiŝo* | *estas* | *naĝanta* | *besto.* |
| *Birdo* | *estas* | *fluganta* | *besto.* |
| *Simio* | *estas* | *pendanta* | *besto.* |

Se vi jam perfekte sukcesas diri la frazojn, prenu kartonstrion larĝan je 4 cm kaj kovru kolumnojn 1 kaj 2! Provu denove diri la frazojn perfekte. Provu post tio kovri kolumnojn 2 kaj 3. Poste, se vi kuraĝas, prenu strion larĝan je 5 cm kaj kovru kolumnojn 3 kaj 4. Per strio larĝa je 7 cm vi povos kovri kolumnojn 2, 3 kaj 4!

Poste vi mem povas prepari similajn frazojn kaj desegnaĵojn pri manĝaĵoj kaj transportiloj.

| KOVRO 1. | KOVRO 2. | KOVRO 3. | KOVRO 4. |
|---|---|---|---|
| *La serpento* | *kuŝas* | *antaŭ* | *la elefanto.* |
| *La ĝirafo* | *staras* | *sur* | *la testudo.* |
| *La birdo* | *flugas* | *super* | *la elefanto.* |
| *La elefanto* | *staras* | *malantaŭ* | *la hipopotamo.* |
| *La testudo* | *suferas* | *sub* | *la ĝirafo.* |
| *La hipopotamo* | *dancas* | *antaŭ* | *la elefanto.* |
| *La kuniklo* | *kuras* | *ĉirkaŭ* | *la elefanto.* |
| *La muso* | *sidas* | *sur* | *la elefanto.* |
| *La fiŝo* | *naĝas* | *en* | *la lageto.* |
| *La simio* | *pendas* | *de* | *la elefanto.* |
| *La monstro* | *saltas* | *sur* | *la ĝirafo.* |

# LA HIPIO kaj la butikisto

Iam, antaŭ pli ol dudek jaroj, vivis en fora lando malfeliĉa vendisto. Kial li estis malfeliĉa? Aŭskultu la vortojn de ties ĉefo, kaj eble vi komprenos: "Ven, vi estas la plej mallerta butikisto en la tuta Losanĝeleso, eble eĉ en la tuta Kalifornio. Vi tute ne konas la vendo-arton. Kiom da kompletoj vi vendis en la lasta monato?"

"Nur unu, sinjoro. Por dudek dolaroj."

"Kaj kiom da kalsonoj vi vendis en la lasta monato?"

"Eĉ ne unu. Mi tute malsukcesis."

"Dofuŝ, vi malsukcesus vendi krokodil-pafilojn en la Nilo. Mi ne pretas plu dungi senesperan kaj malkapablan vendiston. Mi revenos post unu monato. Se vi ne estos vendinta minimume cent kalsonojn, mi maldungos vin!" Jen kial Ven estas malfeliĉa. Li komencis plori. Alta viro paŝis tra la arka enirejo de la butiko, trairis la klap-pordon, kaj vidis la plorantan vendiston:

"Kial vi ploras?" li demandis. La vendisto klarigis, kaj li ofertis helpi.

"Ho, ĉu vi aĉetos cent kalsonojn?" ĝoje demandis Ven.

"Ne, eĉ ne unu. Sed mi helpos vin. Hazarde, mi estas eksperto pri la vendo-arto. Mi laboras en kompanio, kun granda ekspertaro. Montru la kalsonojn, kaj mi konsilos vin. Certe vi poste vendos cent. Donu al mi dek dolarojn kaj mi donos mian konsilon."

"Sed vi estas kompleta nekonatulo!" diris Ven al la viro: "Mi ne konas vin disde Adamo!"

"Nu, mi estas pli elegante vestita ol li, ĉiuokaze!"

Do, Ven donis siajn lastajn dek dolarojn kaj montris kalsonojn. Ili rigardis la artiklojn. Jes, bona kvalito, duone lana, duone nilona. Tio ne estas la problemo. Plie, allogaj koloroj. Tio ne estas la problemo. Io estas misa, sed kio? Devas esti ia problemo... Ha, la pakoj! Ili estas en pakoj kaj en ĉiu pako troviĝas dek du kalsonoj.

"Jen la problemo! Tro da kalsonoj en ĉiu pako! Kial vi pakis ilin dekduope?"

"Nu, ili alvenis tiel de la fabriko, en dozenoj. Mi ne volis malpaki ilin. Do, mi pentris afiŝon: SPECIALA OFERTO! DEK DU KALSONOJ, DUDEK DOLAROJ! Sed neniu aĉetis eĉ unu."

"Evidente. Neniu volas aĉeti samtempe dek du kalsonojn. Repaku ilin kun malpli en ĉiu pako. Kial ne paki ilin sepope? Tio estas logika solvo. Unu por

ĉiu tago de la semajno. Lundo, mardo, merkredo, ĵaŭdo, vendredo, sabato kaj dimanĉo! Faru belan afiŝon kaj vi certe sukcesos!"

La vendisto feliĉiĝis kaj tuj volis eki. Li repakis la kalsonojn kaj pentris novan afiŝon. Ene de tri semajnoj, li jam vendis okdek kvar kalsonojn.

"Bonega ideo, po unu kalsono por ĉiu tago!" komentis la aĉetantoj.

Pasis la monato. Post unu horo revenos la ĉefo. Ven sukcesis vendi naŭdek ok kalsonojn – necesis iel vendi ankoraŭ du por ne esti maldungita. Li nervoziĝis. Kial ne venas klientoj? Ie devas esti aĉetemulo. En la lasta momento, la pordo malfermiĝis, kaj envenis hipio.

En la sesdekaj jaroj en Kalifornio vivis multaj hipioj. Ili estis junaj personoj, kun longa hararo, malordaj vestaĵoj, kiuj foje portis florojn kaj emis kanti aŭ aŭskulti muzikon pri paco kaj amo. Pace kaj ame ili vivis, kaj malŝatis la kapitalismon. Ili parolis propran slangon aŭ dialekton. Kelkaj uzis drogojn kaj kelkaj banis sin signife malpli ofte ol la averaĝa civitano.

Estis ĝuste unu el tiuj lastaj, kiu envenis. La vendisto rimarkis lin, sed ne unue per la okuloj. Li rapide paŝis en kontraŭa direkto al tiu de la vento. La koncepto 'sapo' estas ŝajne fremda al tiu hipio. Li ine aspektis pro ĝis-ŝultra hararo.

"Bonan tagon, sinjoro, kion vi deziras?" demandis Ven iranta eĉ pli for.

"Haj, hom'!" hipi-dialekte salutis la hipio: "Kolĉenojn, ĉu?"

"Bedaŭrinde, sinjoro, nia butiko ne vendas kolĉenojn."

"Mave, bave!" li dialekte respondis: "Bidojn, nek, ĉu?"

"Tre bedaŭrinde, ni ne vendas ankaŭ bidojn."

"Poke, ekster-stoke! Sandal-laĉoj, 'ble?"

"Laĉojn jes, sed nur por ŝuo, ne por sandalo."

INSTRU-PUNKTOJ

ie, ia, io, ies, ie, iam.
Neniu, nenio.
Tagoj de la semajno.
Monatoj de la jaro.

HIPIA SLANGO
(ne lernu ĉi tiujn!)

mava: malbonega
bava: buŝe ŝaŭma
gruva: bonega, moda
kvadrata: eksmodega
poka: mizere malmulta

VORTOJ NE-SLANGAJ (ja lernu ĉi tiujn!)

kompleto: jako kun harmonia pantalono.
dungi: doni laboron.
arko: tunel-forma enirejo.
klap-pordo: pordo, kiun oni povas malfermi ambaŭ-direkte, kaj kiu refermas sin mem poste.
artiklo: komerca varo, vendaĵo.
nervoziĝi: iĝi maltrankvila.
slango: malformala, maleleganta lingvaĵo.
civitano: loĝanto en iu difinita lando.
kol-ĉeno: ornamaĵo portebla kole.
sandalo: parte malfermita ŝuo.
bido: vitra, ligna aŭ plasta glob-forma ornamaĵo kun truo tra ĝi; kiujn oni povas ligi per fadeno por fari kolĉenon.
strategio: sistema plano por atingi celon.

"Skandalo! Flor-kronoj? Haŝiŝ-pipoj? Eta maldekstra lenso por sunokulvitro? Dek-koloraj har-fiksiloj?"

"Maksimume ok-koloraj."

"Nesufiĉe. Eksmodege. Nenio gruva havatas, ĉu ja?"

"Nu," pensis la vendisto kaj decidis provi: "kion pri ĉi tiuj belaj kalsonoj, vidu, ili ja estas dek-koloraj – se vi prenas dek."

"Sed ĉiu unukoloras! Monotone! La tono de mono! Nur por ies profito! Kapitalisma kaj kvadrata!"

"Tute ne kvadrataj!" respondis la vendisto, kiu ne komprenis la hipian slangon: "Bel-formaj kalsonoj. Kial ne aĉeti sep?"

"Sep? Kial sep? Stranga nombro."

"Ne stranga, logika. Unu kalsono por ĉiu tago. Lundo, mardo, merkredo, ĵaŭdo, vendredo, sabato kaj dimanĉo."

"Fikci-fuŝe. Mani-mise. Senutilege. Strategiece mez-epoka. Se ili estus pakitaj en dekduoj, eble mi aĉetus!"

"Sed pli frue ili estis en dekduoj, kaj neniu aĉetis. Kial vi preferas pakon kun dek du?"

"Logike, hom'! ... Januaro, februaro, marto, ap..."

Stefan MacGill,
Budapeŝto, Hungario

## Hipie horizontale

1. UNUA KAŜ-FRAZO.
9. Komerca varo. 'Ili rigardis la __________.' (R)
10. Iumaniere. 'Necesas ___ vendi ankoraŭ du'.
11. Subvestaĵo. 'Unu _______ por ĉiu tago.'
13. Malgranda. '____ maldekstra lenso...'
15. Koncerne. 'Ili ŝatas aŭskulti muzikon ___ paco kaj amo.'
16. Loĝanto en Losanĝeleso estas Kaliforni__o.
17. 'Bedaŭrinde, __ ne vendas bidojn.'
18. 'Pace kaj ____ ili vivis.'
20. Vitraĵo. 'Eta maldekstra _____ por sunokulvitro?' (R)
22. Kapablon esti butikisto. 'Vi tute ne konas la __________.'
25. Personon, kiu verkas informplenajn raportojn kaj artikolojn (ekzemple pri hipioj).
26. Internacia Pacmovado (mallongigo).
27. 'kaj mi donos _____ konsilon.'
28. 'Li ine aspektis ___ ĝis-ŝultra hararo.'
29. 'Nur por ____ profito.'
32. '...trairis la ____-pordon'
33. Supraj partoj de kapoj.
37. Ne-vire. 'Li ___ aspektis pro ĝis-ŝultra hararo.'
38. 'Ho, ĉu vi _______ cent kalsonojn?' (R)

## Vendiste vertikale

0. Vertikale multa. 'La eksperto estas ____ viro.'
1. DUA KAŜ-FRAZO.
2. Iuspeca. 'Devas esti ___ problemo.'
3. Pordega. 'Viro paŝis tra la ___ enirejo.
4. Nord-afrika riverego. 'Vi malsukcesus vendi krokodil-pafilojn en la _____.' (R)
5. Lerta hom-grupo. 'Mi laboras en kompanio kun granda _________.'
6. 'Ven estis malfeliĉa kaj komencis _______.' (R)
7. 'Io estas misa, sed _____?'
8. Iuloke. '___ devas esti aĉetemulo.'

(R = uzu nur la radikon)

# Hipia krucvortenigmo



12. Ne-natura ŝtofo. 'Duone lana, duone ______.' (R)
14. 'Aŭskultu la vortojn de ______ ĉefo.'
16. 'Malpli ofte ol la averaĝa civit___o.'
18. La unua viro. 'Mi ne konas vin disde ________!' (R)
19. Freneze. 'Fikci-fuŝe. ______-mise.'
21. 'Iam, vivis ___ fora lando malfeliĉa vendisto.'
23. 'Eĉ __ unu. Mi tute malsukcesis.'
24. Io aŭdebla. 'Monotone. La ____ de mono.' (R)
26. 'demandis Ven _____ eĉ pli for.' (R)
28. Aldone. 'Tio ne estas la problemo. _____, allogaj koloroj.'
30. Komenci. 'La vendisto feliĉiĝis kaj tuj volis ____.'
31. Purigaĵo. 'La koncepto '____' estas ŝajne fremda al li.' (R)
34. 'Ene de tri semajnoj, ___ jam vendis 84 kalsonojn.'
35. 'Bona ideo, __ unu kalsono por ĉiu tago!'
36. 'Nenio gruva havatas, ĉu ___?'

*La unua kaŝfrazo estas la konsilo de la eksperto. La dua estas tio, kio okazis en la lasta momento. Sendu al ni ambaŭ kaŝfrazojn sur poŝtkarto por partopreni en loterio. Ni donos du libro-premiojn. Limdato: 1-a de septembro. Rezultoj en numero 88/4.*

## Klubo de Legantoj

Sendu ĉian korespondaĵon rekte al Josef Chvosta, Leninova 16, CS-29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio

## Karolo pri metioj

Karolo staras kaj fiere rakontas pri diversaj profesioj, metioj kaj laboroj. Jen kion li diras: "Kudristo boras truojn en ligno. Kuiristo falĉas herbon aŭ grenon. Bakisto hakas kaj segas lignon. Ĉasisto batas najlojn per martelo. Ministo fiksas serurojn en pordoj. Lutisto kudras ŝtofojn. Masonisto minas karbon aŭ ercon, ŝtonon aŭ argilon. Buĉisto paŝtas ŝafojn kaj aliajn dombestojn. Meblisto pretigas vestojn el ligno aŭ fero. Instalisto plugas kaj semas. Sukeraĵisto riparas vitron en fenestroj. Vendisto riparas tegmenton. Ĥirurgo pilotas aviadilon. Instruisto kuras cent metrojn en 9,8 sekundoj. Ŝuisto kuracas pacientojn."



La aŭskultintoj certe miris, ĉar ili ne povis bone kompreni la rakontadon de Karolo kaj ili certe ne kredis ĝin. Vi certe ankaŭ ne kredas. Skribu, kion faras ĉiu nomita metiisto. Skribu, kiu metiisto faras ĉiun nomitan laboron.

**1.** Kiu batas la fingron per martelo?
**2.** Kiu konstruas turon, kiu poste falas?
**3.** Kiu rompas fenestron per briko?
**4.** Kiu plenigas kuirejon per densa blua fumo?
**5.** Kiu kuras cent metrojn en 39,8 sekundoj?
**6.** Kiu kudras butonon sur la flanko de jako, kie troviĝas la buton-truo?
**7.** Kiu diras: "Ĉi tio apenaŭ doloros."? Ĉu tiu pravas?
**8.** Kiu fermas la pordon, kiam maljuna virino alkuras?
**9.** Kiu inventas strangajn demandojn, kiel ĉi tiuj?

*Sendu viajn respondojn al la supra adreso. Ĉiu respondanto ricevos respondon. La plej bonaj respondantoj ricevos donacetojn.*

VORTOJ

bori: per ilo fari truon.
falĉi: fortranĉi.
segi: apartigi per dent-hava ilo.
najlo: pinta metala stango; fiksilo.
martelo: enbatilo.
mini: elfosi el la tero.
seruro: ingo por ŝlosilo.
luti: ligi metal-peco jn.
masoni: konstrui per brikoj.
buĉi: mortigi beston.
plugi: perlabori la teron.
ripari: rebonigi.
paciento: malsanulo en hospitalo.
kudri: labori per fadeno kaj kudrilo.

# AFRIKA POPOL-RAKONTO

Jam aperis en *Juna amiko* (1987/4) ekzemplo de afrika popol-rakonto apartenanta al la "kial"-tipo, kies funkcio estas klarigi al infanoj fenomenojn en la mondo ĉirkaŭ ili. Tiaj rakontoj respondas la eternajn demandojn de geknaboj tra la tuta mondo: "Kial estas...?" Parenca rakonto-tipo uzata en la hejma edukado de infanoj en Afriko havas kiel celon atentigon pri gravaj aspektoj de la naturo, precipe la kutimoj de diversaj bestoj. Ofte la bestoj, kiuj rolas en tiuj rakontoj, posedas trajtojn identajn kun tiuj de homoj. La rakonto, kiu sekvas, ne nur priskribas la naturon de la vesperto kaj ĝiajn rilatojn al aliaj membroj de la animala regno, sed ĉe la fino ĝi prezentas problemon por stimuli cerbumadon kaj diskutadon. Jen la rakonto, kiu venas de la Ibo-tribo el Nigerio. Kompreneble, birdo estas speco de besto, laŭ la biologio, sed en nia rakonto oni imagas du kategoriojn: birdojn kaj bestojn (tio estas la surteraj neflugipovaj bestoj).

## Ĉu la vesperto estas besto aŭ birdo?

Iam en la fora pasinteco eksplodis milito inter la bestoj kaj la birdoj. Grava diskuto estiĝis inter la batalantoj rilate la sintenon de la vesperto: al kiu partio en la konflikto ĝi aliĝos? Nu, tiu vesperto, treege ruza estulo, ne malkaŝis sian intencon. Ĝi jam pritraktis la aferon kun sia edzino.

"Ĉar mi aspektas jen kiel besto, jen kiel birdo, al kiu grupo mi aliĝu?" ĝi demandis.

"Estu prudenta kaj evitu partoprenon nun," respondis la edzino de la vesperto: "atendu, ĝis vi vidos, kiuj venkos en la fina batalo. Tiam aliĝu al tiu partio, kaj ili donos al vi iom da rabaĵo."

"Tio estas saĝa rekomendo," konsentis la vesperto: "mi agos tiel."

Do la vesperto kelkfoje flugis alte en la aero kaj kelkfoje promenis tien reen surtere, sed ĝi ĉiam strebis teni sin egal-distance de la du aroj da militantoj kaj sufiĉe malproksime de la front-linioj.

Kiam ŝajnis, ke la birdoj triumfos, la vesperto ligis sian sorton kun ili. Dum kvardek jaroj la birdoj tenis la bestojn en submetiĝo. Finfine, la leono kaj la tigro, perdante esperon renversi la potencon de siaj subprematoj, konsiliĝis inter si kun la celo fari klopodojn por atingi pacon. La aliaj bestoj mokeme rifuzis tiun konsilon, opiniante, ke la fortuno laste favoros ilin. Sekve, ili rekomencis la batalon.

"Ni devas scii, kiujn la vesperto apogas." diris la antelopo.

"Vi pravas." respondis la elefanto, jese skuante sian longan rostron, "Estas danĝere lasi ĝin resti neŭtrala aŭ kaŝe aliĝi al niaj malamikoj, la birdoj."

"Tiu konduto ja sufiĉe longe ĉagrenis nin!" plendis la hieno.

"Kiel ni povos ekscii precize, kion li pensas?" demandis la leopardo.

"Estas necese sekvi ĝian iradon kaj venadon por trovi, ĉu ĝi restas pli ĉe nia flanko aŭ ĉe tiu de la birdoj." proponis la ĝirafo.

La bestoj, do, organizis daŭran gvatadon de la agoj de la vesperto. Kelkaj estis embuske postenigitaj en la arbaro; aliaj kamuflis sin por patroli en la dezerto; tria grupo ŝtele okupis lokojn en la montaro. Post iom da tempo la kaŝobservantoj raportis, ke la vesperto tenas sin aparte de ambaŭ partioj. Tuj kiam venas al ĝiaj oreloj la bruo de batalo, ĝi rapidas al sia kaverno kaj ŝajnigas dormon.




La vulpo estis sendita aresti la vesperton, kaj tiu ĉi estis kondukita antaŭ la gvidantoj de la bestoj. Ĝi estis akuzita pri duobla ludo, kaj oni petis klarigon.

La vesperto defendis sin, dirante, ke ĝi tutsimple sekvis la konsilon de sia edzino, kiu persvadis ĝin teni sin preta aliĝi al tiu partio, kiu superregos, por ke ĝi povu partopreni en la disdivido de la kaptota milit-predo.

La bestoj severe riproĉis ĝin pro ĝia hipokritado kaj ĵetis ĝin en malliberejon por atendi sian proceson ĉe la fino de la milito.

La luktado inter la bestoj kaj la birdoj daŭris dum ankoraŭ dek jaroj, kaj fine ĉesis per kompleta malvenko de la birdoj.

La konsilantaro de la bestoj venigis la duvizaĝan vesperton antaŭ si. Trovante, ke la proceso estas tro malfacila, la vesperto dungis lertan advokaton el la urbo por pledi en ĝia loko.

La advokato argumentis, ke ĝia kliento ne estas trompema aŭ malsincera; li ja havas nekontesteblan rajton aliĝi al unu aŭ al la alia partio, laŭ sia inklino. La advokato bazis sian opinion sur la anatomio de la vesperto; kvankam ĝi ne estas birdo, tamen ĝi estas ekipita per flugiloj. La advokato insiste emfazis, ke kiam la vesperto troviĝas en la aero, ĝi ne senrajte ekflugis; ĉiuj devis konfesi, ke ĝi estas en sia justa medio. Male, ĝi estas kovrita de hararo, havas dentojn kaj longajn orelojn, dum birdoj ne havas tiujn. Se konsideri ĉion, ŝajne ne estas dubo, ke la vesperto posedas kvalitojn ebligantajn, ke ĝi ĝuste estu nomata aŭ besto aŭ birdo aŭ ambaŭ.

*Nun imagu, ke vi estas membro de la konsilantaro de la bestoj kaj devas agi kiel juĝanto en la proceso kontraŭ la vesperto. Kiel vi verdiktos? Ĉu estas konvinka la argumentado de la advokato, kiu provis defendi la vesperton? Aŭ ĉu vi povas trovi klaran pruvon pri la grupo, al kiu devas aparteni la vesperto? Aranĝu diskuton pri la demando en via Esperanto-kurso.*

Bernard Golden, Veszprém, Hungario.

eterna: senfina
trajto: eco, karakterizaĵo
animala: besta aŭ homa
stimuli: kuraĝigi, sproni
cerbumado: pensado
sinteno: maniero konduti kaj agi
partio: unu grupo en konkurso aŭ batalo
strebi: klopodi, provi, peni
fronto: batala linio en milito
renversi: forigi, konkeri, ŝanĝi
potenco: forto, rego-kapablo
subpremanto: iu, kiu limigas la rajtojn de aliaj
fortuno: sorto, bonŝanco
apogi: subteni, helpi
skui: movi de flanko al flanko
rostro: elefanta nazego
ĉagreni: ĝeni, kolerigi, malkontentigi
gvati: kaŝe observadi, rigardadi
kamufli: kaŝi ion por aspekti kiel io alia
patroli: soldate gardi
ŝajnigi: doni impreson pri io, kio ne estas vera
akuzi: insisti, ke iu faris ion malbonan
persvadi: konvinki, sukcese argumenti
predo: manĝaĵo akirita perĉasado
hipokritado: malhonesta agado
proceso: juĝa kunveno por decidi ĉu iu estas kulpa pro malbona konduto
luktado: batalado
duvizaĝa: montranta du malsamajn karakterojn, malhonesta
dungi: laborigi, doni salajrón aŭ monon, por ke iu eklaboru
pledi: argumenti kaj konvinki en juĝeja proceso
nekontestebla: senduba
inklino: emo, elekto, deziro
anatomio: korpo-formo
medio: ĉirkaŭaĵo
verdikti: decidi en juĝejo aŭ pri grava demando

## Deziras korespondi

En fremdlingva lernejo oni instruas ankaŭ Esperanton. En novembro 1985 fondiĝis klubo, kies anoj estas 12 ĝis 17-jaraj. Ili volas korespondi tutmonde: Esperanto-klubo "Paco", Lernejo "Ivan Vazov", BG-4700 Smoljan, Bulgario.

Infangrupo (10-jaraj knabinoj) deziras korespondadon kaj amikecon kun eksterlandaj infan-grupoj. Interesoj: bestoj, sporto, kantado kaj pli. Dieter Wilke, Am Stadtpark 2/421, DDR-1330 Schwedt, Germana DR.

Grupo kun 13- ĝis 17-jaruloj deziras korespondi tutmonde pri diversaj temoj. Esperanto-rondeto, Pionir-palaco, Str. Ukmerges 43, SU-232000 Vilnius, Litovio, Sovet-Unio.

Julija Borisova, ul. Sportivnaja d.6, kv. 49, g. Kameŝkovo, Vladimirskaja obl. SU-601330, Sovet-unio.

Jana Potiskova, Mlynsky prikop 1787, CS-75301 Hranice na Morave, Ĉeĥoslovakio.

### FR Germanio

(la unuaj kvar ĉiuj en urbo: D-7988 Wangen/Allgau.)

Silke Behrbum, Paulus-Alt-Weg 10. 16-jara. kun junaj rusoj pri muziko, dancado, legado kaj ĉio.

Heidi Hannes, Südring 15. 16-jara. Hobioj: legado, naĝado, ĉeval-rajdado, trikado.

Teresa Martins, Postlagernd. 16-jara. Hobioj: legado, volan-pilkludo, naĝado.

Stephanie Roll, Karl-Schumann-Str. 3/3. 18-jara. Diversaj hobioj.

Daniela (6-jara) kaj Claudia (27-jara patrino) Nickel, Tulpenweg 2, D-7988 Wangen-Elitz; la patrino lernas kune kun la filino Esperanton kaj ŝatus havi kontakton kun aliaj en la sama situacio.

Jens Walter, Blumenstr. 4, D-7988 Wangen 1. 10-jara. Hobioj: legado, meti-farado, sporto (boksado).

## Konkursaj rezultoj

En numero 87/4 estis du konkursoj. Por la kvizo ni ricevis 14 respondojn el kiuj 11 estis bonaj. Por la krucvortenigmo ni ricevis 7. Respondoj venis el Germana DR, Ĉeĥoslovakio, Sovet-unio kaj Hungario. Do, ne tro multaj! Vi, junuloj, aldoniĝu al la respondantoj de la ĉi-numeraj konkursoj - eble vi gajnos premion. Skribu vian respondon kaj adreson tre klare kaj facile legeble. Aldone skribu vian aĝon. La ĝusta respondo al la kvizo estas: Babilema kaj babeleca; kaj al la krucvortenigmo: La azeno povas esti bela, sed neniam saĝa. Ricevis libro-premion pro la kvizo Kerstin Bucholski, Bernburg, kaj Edith Plimecke, Magdeburg, ambaŭ el GDR. Pro la krucvortenigmo gajnis Bernd Mann kaj Ines Kraus el Leipzig, GDR kaj Srnina Plackova, Budisov n. B., Ĉeĥoslovakio.

## Novaj perantoj

Ni anoncas du perantojn en FR Germanio, kie la abono kostas 7,50 GM (7GM ekde 3 ekz.; 6GM ekde 8 ekz. kaj 5GM ekde 30 ekz.):

Esperanto-centro Paderborno, Grünigerstr. 5, D-4790 Paderborn;

Johannes Pachter, Zum Kreuzbühl 16, D-7480 Sigmaringen.

Aliaj novaj perantoj, por kiuj la tarifoj estas anoncotaj, estas:

Aŭstralio: Sylvia Burkitt, 20 Grandview St., Parramatta NSW 2150;

Israelo: Aviv Faklieru, P.O.K. 8383 Tel-Aviv-Jaffa, IL-61083;

Kanado: Merle Haltrecht-Matte, 7083 rue Notre Dame, Orléans, Ontario, K1C 1J1.

Venezuelo: Prof J. Bachrich, Apartado 3833 Caracas 1010 A.

Plena listo de perantoj aperis en numero 87/4. Nia internacia peranto estas UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Abono: 8,40 gld. (7,50 gld. ekde 3 ekz.; 7 gld. ekde 8 kaj 6 gld. ekde 30.)

## Kvarjara studado

En Francio leĝo permesas la instruadon de Esperanto en lernejoj, se lernejestro tion aprobas. Unu lernejo ekspluatas tiun rajton kaj havas du instruistojn, kiuj dividas inter si kvar klasojn. Entute ĉ. 120 studentoj partoprenas tiun programon. La lernejo troviĝas en Villefranche-sur-Saone, dudek kilometrojn norde de Liono (Lyon). Rimarkinde estas, ke la kvar klasoj estas je malsamaj sed sinsekvaj niveloj. Tio signifas, ke lernanto en tiu lernejo povas sekvi la Esperantan studadon dum kvar jaroj, ekde sia 11a ĝis sia 15a jaro. Pasintjare dekkvino el la pli aĝaj lernantoj vojaĝis buse al Pollando kaj gastis ĉe polaj gelernantoj. Vi povos starigi kontakton kun tiuj instruistoj kaj lernantoj pere de la Delegito de UEA en Liono, s-ro Joseph Catil, 5 rue des Calabres, F-69330 Meyzieu, Francio.

## Popol-lernejoj

Popolaj altlernejoj en Svedio estas interesaj kaj inspiraj eduk-formoj. Ili ne estas parto de la ŝtata sistemo. Ili estas ĝenerale malgrandaj (kun ĉirkaŭ cent lernantoj), kaj ilia tre praktika stud-programo centras ĉirkaŭ la interesoj kaj lertoj de la unuopaj lernantoj. Ili estas alternativoj al universitatoj; la minimuma aĝo por studentiĝo estas 18, ne estas maksimumo. Ili aparte bonvenigas plenkreskulojn, kiuj volas rekomenci sian studadon, student-aĝajn enmigrintojn (do ili estas tre internaciaj) kaj handikapulojn, por kiuj la konstruaĵoj kaj instru-programoj estas aparte taŭgaj. La popol-lernejo en Karlskoga, bela apudlaga urbo meze de la lando, enkondukis Esperanton, ne nur por la tagaj studentoj, kiuj loĝas en la lernejo mem, kaj en du intensaj 8-semajnaj someraj kursoj, kiujn povas viziti nelernejanoj el la tuta Svedio, kaj eĉ eksterlandanoj. La etoso kaj la faciligoj de tiu lernejo igas ĝin ekstreme taŭga por tiu Esperanta aktivado. Por pli da informoj pri la someraj kursoj, aŭ por starigi kontakton kun tiuj 18-ĝis 20-jaraj studentoj, skribu al s-ro Lars Forsman, Karlskoga Folkhögskola, Box 192, S-691 24 Karlskoga, Svedio.

### Deklamintoj

Pli ol cent dek poemoj, rakontoj kaj eĉ pupteatro estis prezentitaj dum hungara deklam-konkurso, okazigita en Szombathely en februaro. El la kvar aĝ-kategorioj, ni anoncu la rezultojn por Et-pioniroj, en kiu gajnis Csóka Annamária kaj egale en dua loko Árvai Judit kaj Szávai Károly, kaj por Pioniroj, en kiu la unuan premion gajnis Burai Hajnalka kaj la duan Csizmazia Gábor. La gajnintoj reprezentos Hungarion en internacia konkurso en Pollando en aŭgusto.

### Konkurso kooperativa

Lastmomente ni eksciis pri internacia konkurso lanĉita de la hungara lerneja kooperativa movado, kaj ĝin rajtas partopreni ĉiu lerneja kooperativa grupo, kie oni instruas Esperanton. Ili devas verki raporton pri sia agado kaj la Esperanto-studado. La unua premio estas 5000 forintoj, la dua 4000 kaj la tria 3000. Gajnontoj ricevos ankaŭ diplomojn. Limdato: 30a de majo 1988. Pliajn detalojn vi povos ricevi de: Országos Szövegkezeti Tanács, Szabadság tér 14, H-1054 Budapest.